# Internacia Fervojisto

Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo






ISSN 1397-4270

**2018.2**


**La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn**

Czekoladki koska
i bedziesz radosna

# Rekomendo spertula

## Karaj gelegantoj,

resumo ferminte la gazeton post la matena kafo: La solvo kuŝas sur la tablo. Nur ankoraŭ necesas suprenŝovi la manikojn kaj komenci.

Kiel rimedo kontraŭ la evidente surprize aperinta malfido al la politikaj elitoj, amasa forkuro de balotantoj kaj kreskantaj ŝovinismaj tendencoj nun sur la batalkampo de socia novordigo aperas „ministerioj por hejmo“. Ne ekskluzive por hejmo, ankaŭ por aliaj aferoj, kiel polico, konstruado, seksa egaleco kaj komunumoj.

Sed la „hejmo” ornamas ŝildojn kaj leterpaperojn kaj signalu: Ni estas komprenintaj! Komprenintaj, ke la mondo ŝanĝiĝas, ŝanĝo kaŭzas malcertecon kaj malcerteco kaŭzas malagrablon, kaj ke aliflanke hejmo estas konata kaj ligita al bonaj spertoj kaj agrablaj sentoj.

Ni atendu ĉu tio funkcios, ĉu la forkurintaj balotantoj celas esti karesataj pro flegado de regiona folkloro, ĉu ili emas aŭskulti kaj ne unuavice elpeli rifuĝintojn. Homojn regatajn de timo kaj envio ne eblos konvinki pri la riĉigo de socio per kultura varieco.

Ĉu tion do povos sukcesi ministerio por hejmo, ĉu ĝi kapablos klarigi la valoron kaj fekundecon de multkultura popolo? Ĉu ĝi interpacigos preĝejojn kun temploj kaj moskeoj, ĉambarbajn ĉapelojn kun kaptukoj, blovorkestrojn kun sambogrupoj, ledopantalonojn kun sarongoj?

Kaj ĉu ĝi vere volas tion, aŭ ĉu ĝi ankaŭ nur celas defendi la hejmon kontraŭ minacantaj aliuloj lingvaj, moraj kaj koloraj?

Ne unuafoje mi esprimas mian kontenton vivi en esperantista medio, kie tiuj demandoj apartenas al pasinteco, kie ĝuste la kultura varieco elvokas hejmecajn sentojn kaj kie ĝi estas dezirata kaj kutima.

Amikajn salutojn



**Guido Brandenburg**

# Enhavo:



Titolpaĝo: „Ĉokoladaĵoj kaj vi estos feliĉa“ (laŭ *Google*-tradukilo), vd. paĝon 24

**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato



**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud”
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372



Gvidanto de la biciklo-promeno (Foto: Pnapora, WikMedia)

## Kial viziti Vroclavon?

Vroclavo estas mult-kultura urbo malferma al turistoj. Ĝi kunigas tradicion kaj modernecon. Ĝi estas urbo de homoj plenaj je inventemo kaj fantazio. Por konvinkiĝi pri tio, vi devas vidi propraokule ĉiun centimetron de la 293 kvadrataj kilometroj de la urbo (tia estas la grando de Vroclavo).

Unu grupo estos en ĉokoladejo, pri kiu envias nin eĉ pli grandaj urboj. Kiel diris Ted Allen, „ne estas io pli romantika ol ĉokolado.“
La ĉokoladejo ofertas multajn specojn de dolĉaj kukoj kaj la pli postulemaj spertos edukan programon. Romantika restado kun iom da ekkonoj el la ĉokolado-enciklopedio povas finiĝi per dolĉa gustumado... por ĉi tiu sperto indas forgesi pri kalorioj. Ĉokolado estas fonto de energio. Kompreneble poste ni devige komencas trarigardi la urbon ... per biciklo.

En la urbo funkcias *Wrocławski Rower Miejski* (Vroclava urba biciklo) – aŭtomata pruntejo kun starigiloj, de kie ni povas preni unu el 200 bicikloj kaj post la ekskurso lasi ĝin en la plej proskima starigilo apartenanta al la reto. La unuaj 20

minutoj estas senpagaj. Ni devas registriĝi en la sistemo *Nextbike*. Vizitante la urbon ni kun malkaŝa scivolemo fotas nin kun la gnomoj. Ekzistas 339 da ili. Vi povas vidi ilin en la plej neatenditaj lokoj, ĉar ili kaŝiĝas en stratetoj kaj anguloj. Ili fuĝas de la vido de la pasantoj. Trarigardi Vroclavon estas paradize por biciklistoj. La urbo havas pli ol 214 kilometrojn da biciklopadoj. Tio estas ekologia kaj agrabla formo de la vizito de la urbo, kiu ebligas ekkoni nian urbon dum kelkaj horoj. Jen kelkaj proponoj:

- La kvartalo de kvar konfesioj estas magia renkontiĝejo de vroclavanoj, la loko por dialogo, reciproka respekto kaj ... multaj neforgeseblaj manĝo-spertoj. En la sinagogo „Sub blanka cikonio“ okazas religiaj solenaĵoj, koncertoj, teatraĵoj kaj renkontiĝoj.
- *Aula Leopoldina* (ankaŭ nomita *Aula Leopoldynska*) estas unika arkitektura valoraĵo de la malfrua baroko. Ĝi estas la plej bela salono en Vroclavo. La interna parto estas dividita en tri partojn: podion, aŭditorion kaj muzikan balkonon sur la pilieroj.
- *Panorama Racławicka* estas monumenta pentraĵo 114 metrojn longa kaj 15 metrojn alta. Ĝi bildigas la venkan batalon de la poloj kontraŭ la rusoj apud *Racławice* en majo 1794. Ĝi estas unu el la plej popularaj allogaĵoj de Vroclavo. Panorama perspektivo, prilumigo, scenografio konstruita antaŭ la pentraĵo elvokas impreson de multaj dimensioj. Dum la rigardado la spektantoj povas aŭskulti komentojn pri la historio de la pentraĵo, figuroj kaj prezentitaj okazaĵoj en 16 lingvoj (ankaŭ en Esperanto).
- *Hala Stulecia* (Salono de jarcento) estas unu el la plej grandaj arkitekturaj verkoj de la 20-a jarcento. La originala konstruaĵo de Max Berg troviĝas en la prestiĝa listo de la Monda Heredaĵo de UNESCO.
- *Ostrów Tumski* estas la plej malnova parto de Vroclavo. La malkovritaj restaĵoj de la unua setlejo devenas de la 10-a jarcento. Dum multaj jaroj ĝi apartenis al la eklezio, nun tio estas etosplena loko populara por enamiĝintoj, promenantoj kaj turistoj. Kafejoj, restoracioj, drinkejoj, lokoj por ripozo kaj amikaj renkontiĝoj.
- La Afrikario estas la plej granda allogaĵo de la bestoĝardeno de Vroclavo. La tutmonde unika oceanejo prezentas nur bestospeciojn de la Nigra Kontinento.
- La muzeo de Sinjoro Tadeo estas loko, kie ligiĝas historio kaj nuntempo. La celo de la muzeo de Sinjoro Tadeo estas montri la verkojn de Adam

Mickiewicz en la ŝanĝiĝanta mondo de la historia kaj kultura Eŭropo dum la lastaj ducent jaroj kaj montri la poemon „Sinjoro Tadeo“ kiel tekston, kiu influas la nuntempan pensadon pri tradicio kaj kultura identeco.

Vespere ni nepre spektu alian allogaĵon de Vroclavo – la „Ludantan fontanon“. Ĉi tie estas instalitaj 300 duzoj, kiuj estigas gejserojn, akvajn nebulojn, ŝprucojn palmajn kaj multajn aliajn akvo-figurojn. La fontano estas agordita kun 800 lumigiloj kaj la akvo kunlige kun muziko faras prezentadon, kiu estas senspiriga.
Ktp. ktp. kaj ankoraŭ pli ol 300 aliaj neripeteblaj lokoj el diversaj fakoj.
Jen atutoj de Vroclavo, kiuj allogas turistojn.

**Teresa Pomorska**

## Nepre ne forgesu!

Ankaŭ post la unua limdato ankoraŭ eblas aliĝi al la 70-a Internacia Fervojista Kongreso de IFEF.

Kontrolu la faktojn en la aliĝilo trovebla meze en la eldono 2017.6 de la Internacia Fervojisto. Sendu ĝin letere, kolombe, retpoŝte, kuriere aŭ apliku unu el la aliaj aliĝrimedoj.

LKK-adreso:

Silezia Esperanto-Asocio, str. Kościuszki 35 B/E PL 50-011 Wrocław

Kaj – same grave – ĝiru la kotizon al unu el la indikitaj kontoj.
pagoj en Pollando en PLN per ĝiro al:

Wiesław Libner
PKO BP S.A. O/Gniezno
60 1020 4115 0000 9102 0025 5414

Internacia ĝiro en Eŭroj al:

Teresa Pomorska
IBAN: PL13 1940 1076 4896 8264 0000 0000
SWIFT: AGRIPLPR



## Tagordo de la publika komitatkunsido

dum la 70-a IFEF-kongreso en Wrocław (PL) 23.05.2018

1. **Malfermo, konstato de la mandatoj**
2. **Ricevitaj telegramoj, leteroj**
3. **Honorigo al la mortintoj**
4. **Estraranaj raportoj**
   4.1. Sekretario
   4.2. Redaktoro
   4.3. Kasisto
5. **Buĝeto 2019, kaj kotizkonfirmo**
6. **Protokoloj IFK 2017 Colmar (FR)**
7. **Raporto de la ĉefkomitatano**
8. **Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**
   8.1 Gvidanto
   8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
   8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
   8.4 Elekto de Gvidanto kaj sekretarioj ene de FK
9. **Raportoj de la komisiitoj**
   9.1 Komitatano „A” de IFEF ĉe UEA.
10. **Resumo de la jarraportoj 2017 el la landaj asocioj**
11. **Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**
12. **Kongresproponoj**
    12.1 Elekto de la Ĉefkomitatano kaj Anstataŭanto de Ĉk
13. **Rilatoj al aliaj organizoj:**
    13.1 UEA
    13.2 FISAIC
    13.3 UIC
    13.4 SAT- ILEI - UMEA - ISAE - TAKE - IKEF
    13.5 El Popola Ĉinio - Heroldo de Esperanto
14. **Venontaj kongresoj**
    14.1 Konfirmo de la invito al la 71-a IFK en 2019
    14.2 Elekto de la lando por la 72-a IFK en 2020
    14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj
15. **Raportoj de la laborgrupoj**
16. **Eventualaĵoj**
17. **Libera diskutado**



# Tagordo de la nepublika komitatkunsido

dum la 70-a IFEF-kongreso en Wrocław (PL) 21.05.2018

1. **Malfermo, konstato de la mandatoj**
2. **Diskutoj pri kongresproponoj**
   2.1 Elekto de la Ĉefkomitatano kaj Anstataŭanto de Ĉk
   2.2 Elekto de Gvidanto kaj sekretarioj ene de FK
3. **Honorigoj**
4. **Diskuto kasraporto-bilanco 2017/buĝeto 2019**
5. **Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**
6. **Diskuto pri venontaj kongresoj**
7. **Analizo pri eksteraj rilatoj**
   7.1 UEA
   7.2 FISAIC
   7.3 UIC
   7.4 SAT- ILEI - UMEA - ISAE - TAKE - IKEF
   7.5 El Popola Ĉinio - Heroldo de Esperanto
8. **Eventualaĵoj**

---

# Tagordo por la kunveno de FK dum la 70-a kongreso

1. **Bonvenigo kaj enkonduko fare de la FK-gvidanto.**
2. **Elektoj:**
   a) gvidanto de FK (nuna Jan U. NIEMANN, reelekteblas)
   b) sekretario de FAS (nuna Ladislav KOVÁR, reelekteblas)
   c) sekretario de TS (nuna Heinz HOFFMANN, reelekteblas)
   d) redaktoro de TeKu (nuna Heinz HOFFMANN, reelekteblas)
3. **Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.**
4. **Raportoj pri fake aplika laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.**
5. **Fakaj programeroj dum la 70a IFK.**
6. **Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.**
7. **Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).**
8. **Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.**
9. **Fakaj programeroj dum la 71a IFK.**
10. **Novaj taskoj por la sekcioj.**
11. **Eventualaĵoj (sub tio korektado de la adreslisto).**

# Post dek eldonoj – raporto de la IF-redaktoro



Transpreninte la taskon de la IF-redaktoro mi skizis kelkajn enhavajn postulojn (por eviti aplomban esprimon „princi-pojn“), nome ke artikoloj por IF temu pri IFEF aŭ pri fervojaj aferoj internacie interesaj, ke artikoloj aperintaj en unu gaze-to ne reaperu en alia kun la sama celgrupo, ke artikoloj ricevitaj alitemaj formu redak-cian rezervon kaj ke artikoloj enhave sekvu laŭeble ĵurnalismajn principojn (rilate fontojn, fidindecon, aŭtorajn indikojn, aŭtorajn rajtojn).

Miaopinie la Internacia Fervojisto ekzistas pro la bezono je fervojfaka revuo kaj je interna organo de nia federacio. Mi anticipas tion ĉar IFEF ekzistas ne kiel iu ajn Esperanto-asocio, sed kiel unuiĝo de fervojistoj aŭ fervojaj interesuloj parolantaj nian lingvon.

Ĉu estas ĝuste tion anticipi? Ĉu ekzistas intereso pri fervojaj temoj? Necesas sobre konstati, ke la plej multajn paĝojn plenigas la redaktoro mem, kio faras stilon kaj enhavon iom unuflankaj.

Mi ne imagas, ke la komence menciitaj postuloj estas tro grandaj.

Permesu do al mi ligi la ĉijaran redaktoran raporton al la instigo observi la propran ĉirkaŭaĵon, legante la gazetojn atenti pri fervojrilataj temoj internacie aŭ nur translime interesaj: novaj linioj, longaj pontoj, rekordoj je longo, pezo, rapideco, decidoj bonaj aŭ malbonaj por la reltrafiko. Ĉio povas esti modelo aŭ averto por aliaj fervojoj.

Ni ja ne plu estas aktivaj fervojistoj kaj ĉiakaze ne povas influi ion ajn? Unue tio ne ĝustas kaj due ankaŭ la emerituloj konservas siajn kontaktojn al la entre-prenoj en kiuj ili estas laborintaj.

Ajne - tiel ekster la praktiko ni ne estas, ke la sorto de la fervojo nin ne plu tuŝas. Restas ĉiam nia perspektivo deinterna.

Prenu skribilon kaj paperon aŭ eksidu antaŭ la klavaro kaj raportu pri kion vi ekscias, pri la fono, la cirkonstancoj, la historio, la planoj, la estonta evoluo. Vi scias kiel vi povas atingi la redaktoron.

Sed do - kion raporti?

La tasko de redaktoro estas ŝvitiga afero. Ne necesas tion emfazi. Esperantumi ĝenerale signifas kirli en multaj potoj, lokaj, landaj kaj internaciaj. Kaj en ĉiuj el tiuj potoj la menuoj minacas brulumiĝi.

Malfermi la kartonkeston senditan de la presejo kaj foliumi kiel unua en la aktuala eldono ĉiufoje kaŭzas agrable kuraĝigan senton superatan nur de sporadaj retmesaĝaj legantokomentoj.

Reviziadado kaj presado fariĝis bone funkcianta rutino - same la dissendo, se ne paketo revenas pro neantaŭviditaj perturboj en la landa asocio.

Specialaĵoj kiel aldono de plia folio por liveri paperan IFK-aliĝilon aŭ doni spacon al eksterordinare longaj protokoloj ne estas problemo. Tio ĉio iras glate.

Stilo kaj aspekto dank' al iniciato de István Gulyás ĝuas la benon de la komitato. Neniu (ĝis nun) plendis.

Ĉe ni aperas la menciitaj fervojaĵoj, internaj informoj de IFEF, raportoj pri aranĝoj de la landaj asocioj. Apude ni disponigas lokon ankaŭ por informoj el FISAIC koncernantaj la federacion mem, sed ankaŭ la tie organizitajn sekciojn. Ĝis nun tio estis la briĝistoj, la radioamatoroj kaj la genealogoj. La espero ke inverse tie ankaŭ ni renkontos intereson, ĝis nun ne plenumiĝis. Eble la komuna festivalo en *Wels* (Aŭstrio) varmigos la kontaktojn. Ĉiakaze sekvos pliaj ekskursoj tra la domo de FISAIC.

Lasta sugesto: Kiel „organo de IFEF" IF ja ne nur estas medio per kiu la organizo informas siajn membrojn. Ĝi donas spacon por iniciatoj el la membraro, kiuj estu perceptataj tutfederacie.

Do mi pacience atendas la poŝtiston.

**Guido Brandenburg**



(Foto Alexa, Pixabay)

# Raporto de la kasisto pri la jaro 2017 (sumoj en eŭroj)

## Spezkalkulo 2017

| **Enspezoj** | **2017** | *2016* | **Elspezoj** | **2017** | *2016* |
|---|---|---|---|---|---|
| Kotizoj | 3.285,00 | *3.234,00* | IF-presado | 474,86 | *719,28* |
| FFK-vendo | 18,00 | *8,00* | IF-sendo | 269,34 | *448,20* |
| Insignoj | | *5,00* | UEA-kotizo | 192,00 | *192,00* |
| Libroj Martin | | *10,00* | Afrankoj FK | | *10,95* |
| | | | | | |
| Donaco | 56,00 | *1,00* | Estraro | 629,80 | *762,25* |
| kotizoj 2015 | | *296,00* | Reprezentado | 13,00 | *981,00* |
| Profito Colmar | 1.080,00 | | FISAIC | 450,00 | *150,00* |
| | | | Bankkostoj | 10,55 | *5,70* |
| | | | Kongreso Colmar | 1145,83 | |
| | | | ifef.net | 39,60 | |
| **Sumo :** | 4.439,00 | *3.554,00* | **Sumo :** | 3.224,98 | *3.269,38* |

Kotizoj : Kresketo fontas el kelkaj pliaj membroj en Francio kaj Germanio. En ĉiuj aliaj landaj asocioj, membronombro restas sama.

IF-kostoj : En 2016 estis repagitaj 9 numeroj (el kiuj 3 el jaro 2015), dum la jaro 2017 estis "normala" jaro kun repago de 6 numeroj.

Reprezentado : En 2016 la federacion reprezentis la prezidantino dum la UK en Nitra (Slovakio) kaj en FISAIC-kunsido en Toulon (Francio). En 2017 ŝi ne partoprenis en la UK.

FISAIC-kotizo : La sumo estas kotizo al FISAIC kaj ankaŭ IFEF-subteno por la laboro de ties Ĝenerala Sekretario.



## Bilanco la 31-an de Decembro 2017

| **Aktivoj** | **2017** | *2016* | **Pasivoj** | **2017** | *2016* |
|---|---:|---:|---|---:|---:|
| Banko | 1.706,92 | *2.616,90* | Fondusoj diversaj | 224,81 | *224,81* |
| UEA-konto | 11.425,84 | *11.117,84* | SAEF-Fonduso | 1.956,05 | *1.956,05* |
| Kaso | 549,76 | *247,76* | SAFE-Fonduso | 1.700,00 | *1.700,00* |
| Ricevotaj ko-tizoj (malfrue) | 255,00 | | „Historia libro (IFEF 100 jaroj)“ | 2.047,70 | *2.047,70* |
| Profito Colmar (mono ricevota) | 1.080,00 | | monperado por IFK Vroclavo | 33,00 | |
| | | | jarrezultoj sumigitaj | 7.817,94 | *7.533,32* |
| | | | ĉijara rezulto | 1.214,02 | *284,62* |
| | | | antaŭricevitaj kotizoj 2018 | 24,00 | *236,00* |
| **Sumo :** | 15.017,52 | *13.982,50* | **Sumo :** | 15.017,52 | *13.982,50* |

Ĉi-jara rezulto : Temas pri la profito de la jaro 2017. Ĝi ne fontas el la Colmar-kongreso ĉar unuflanke la kongreso donis profiton al IFEF sed aliflanke IFEF subtenis ĝin, ekz. per printado de broŝuroj. La ĉi-jara pozitiva rezulto fontas el la granda ŝparo pro elektronika sendo de la bulteno.

## Propono de buĝeto por la jaro 2019

| **Enspezoj** | **EUR** | **Elspezoj** | **EUR** |
|---|---:|---|---:|
| Kotizoj | 3.000,00 | IF-presado | 490,00 |
| FFK-vendo | 10,00 | IF-sendo | 240,00 |
| | | UEA-kotizo | 200,00 |
| | | Afrankoj FK | 10,00 |
| | | Estontaj agadoj, reprezento | 1.000,00 |
| | | FISAIC | 300,00 |
| | | Estraro | 650,00 |
| | | Bankkostoj | 20,00 |
| | | FFK-presado | 100,00 |
| **Sumo :** | 3.010,00 | **Sumo :** | 3.010,00 |

**Laurent Vignaud (kasisto)**

# Pokalon da Málaga kun ĉokoladeroj kaj kremo, mi petas!

Prepari Internacian Fervojistan Kongreson postulas fruan komencon. Tial prezidantino kaj sekretario skolte jam nun vizitis la urbon *Málaga* kaj la surlokajn matadorojn Carlos, Angel kaj Marilo', kiu deklaris sin pretaj organizi la IFK en 2019. *Málaga* – la nomo memorigas pri historio fenica, romia, araba, pri glaciaĵoj kaj turistoj, pri *Flamenco*-danco kaj gitara muziko.



Picasso sur sia benko ĝojas pri ĉiu vizitanto.

Entute la urbo kaj la samnoma provinco, kies ĉefurbo ĝi estas, ofertas multajn allogajn celojn en promena distanco.

Por loĝi kaj kongresi la esplora komitato elektis la „Diocezan Domon", tre komfortan hotelon sub gvido de la katolika eklezio, centre situantan – iom super la urbo, multflankan, kun konvenaj salonoj kaj moderaj prezoj.

Planite estas komune aranĝi la IFK kaj la kongreson de la Hispana Esperanto-Asocio antaŭvidante almenaŭ du ĝis tri tagojn da programo por ambaŭ organizoj.

Por ekskursoj konsiderindas pitoreskaj apudaj urbetoj *Antequera* kaj *Mijas* kaj la belega iama emirlanda ĉefurbo *Cordoba*.

La flughaveno *Aeropuerto de Málaga-Costa del Sol* estas interligita kun 60 landoj, la modernan ĉefstacion *Maria Zambrano,* gravan nodon en la hispana fervoja reto ankaŭ alveturas la grandrapidajn AVE-trajnojn. La urbon ĉirkaŭas la apudmara aŭtoŝoseo A7. Do la vojaĝo ne devus esti tro malfacila.



Kadre de la 70-a IFK en Vroclavo ni aŭdos kaj vidos pliajn detalojn, sed jam nun eblas resumi:

La kongreso en *Málaga* meritas antaŭĝojon.

(laŭ raporto de Vito Tornillo)

**Guido Brandenburg**




Franca TGV kaj germana ICE sur najbaraj trakoj en pariza stacio Gare de l'Est
(foto: Hugh Llevelyn, WikiMedia)

# TGV kaj ICE el sama domo

*Siemens* kaj *Alstom* ne reprezentas historion de reciproka amo. Antaŭ tri jaroj fiaskis la klopodoj de *Siemens* aĉeti la energian sekcion de *Alstom*. Post longa pokerado *Alstom* ĝin vendis por 9,7 miliardoj da eŭroj al la usona *General Electric.*

Ke la multjaraj rivaloj *Siemens* kaj *Alstom* tamen decidis fondi komunan fervojproduktan entreprenon sole havas la celon defendi sian pozicion en la eŭropa merkato kontraŭ la forta ĉina *CRRC*, kies vendosumo estas pli granda ol tiu de la tri plej grandaj konkurantoj *Bombardier*, *Siemens* kaj *Alstom* entute. Laŭ konvinko de la du konzernaj centraloj nur komune tio estas ebla.

Per la kunfando de *Alstom* kaj *Siemens*-sekcio „*Mobility*“ (movebleco) estiĝas entrepreno kun 62.000 kunlaborantoj, kun vendosumo de 15,3 miliardoj kaj produktokomisioj valoraj 61 miliardojn.

Sidejo de la nova konzerno estos Parizo kaj la ĉefo de *Alstom* Henri Poupart-Lafarge fariĝu la nova prezidanto. Kompense *Siemens* sendu la ĉefon de la administra konsilantaro. La kunfando havas la aprobon de la franca kaj la

germana registaroj. Tamen ĝi nur povos realiĝi post asembleo de la *Alstom*-akciposedantoj meze de la jaro 2018. Malakcepto estas malverŝajna, ĉar minacas punpago de 140 milionoj.
Eminentaj frazoj aŭdeblas en la gazetaraj konferencoj: „unuiĝo inter samranguloj“, „surrela *Airbus*“ kaj „realigo de la eŭropa ideo en praktiko“.
Suspektoj rilate al perdo de laborlokoj certe ne estas malpravaj. Ĝi probable trafos planadon, evoluigadon kaj administradon.
Plej malagrablajn sekvojn la okazaĵo havos por *Bombardier* kaj Germanio kiel fervoja produktoloko. *Bombardier* - jam nun en krizo - restos senalianca. La entrepreno kondukas sian fervojan sekcion de Berlino kaj havas sep fabrikojn en Germanio.

(Fontoj: *Westfälischer Anzeiger, Die Welt*)

**Guido Brandenburg**




La leontodo simbolas la projekton: „Ĉu fiherbo aŭ nutraĵo” – ĉu ĝena aŭ utila?

## ***Banedanmark*** **instalas projekton** ***Specialisterne***

*Banedanmark* estas ’la iama infrastruktura filio de DSB’, kiu iĝis entrepreno memstara en la jaro 1997.
Antaŭ nelonge dungiĝis ĉe la fako *Anlæg Øst* (instalado, orienta regiono de *Banedanmark*) du konsultistoj de la firmao *Specialisterne* (Spertuloj). Ili okupos sin pri kvalitsekureco kaj kontrolado.
Ŝajnas tute ordinara afero, sed la dungitoj havas tre specialajn talentojn kaj kapablojn. Ili havas ĉiuj ‘diagnozon’ …
La penso pri la afero komenciĝis 2003 en la kapo de *Thorkil Sonne*, kiam lia trijara filo ricevis la diagnozon ’infaneca aŭtismo’. La patro tute ne pripensis establi

entreprenon, li volis simple eltrovi, kiel oni povas krei laborpostenojn por homoj kun diagnozoj tiaj kaj similaj (ADHD (*Attention Deficit / Hyperactivity Disorder*), sindromo *Asperger*, OCD (*Obsessive-Compulsive Disorder*, pli frue oni diris perforta neŭrozo, sindromo *Tourette* k.a.). Tiuj homoj ĝis tiam havis grandajn malfacilaĵojn trovi sian lokon en la labormerkato.

La patro starigis soci-ekonomian projekton *Specialisterne*, kiu nun havas ĉefan oficejon en *Ballerup* (okcidente de Kopenhago), Danio, sed kiu kunlaboras kun 35 partneroj en 17 landoj. La celo/revo estas mondskale krei unu milionon da laborpostenoj por homoj kun aŭtismo kaj similaj defioj.

Tiuj homoj havas specialajn talentojn – ili rapide povas superrigardi sistemon, ili rapide trovas erarojn, kaj ili fidinde kaj bonkvalite kvalitsekurecas … Tiuj talentoj estas tre taŭgaj en inform-teknologiaj entreprenoj kaj projektoj, kaj ankaŭ *Banedanmark* nun dungis du homojn de la firmao.

La du junaj viroj, kiuj laboras ĉe *Specialisterne* ambaŭ dum kelkaj jaroj, estis antaŭe konsultistoj ĉe diversaj grandaj firmaoj kiel ekz-e *DONG* (nun *Ørsted*) kaj *Maersk*. Ĉe *Banedanmark* ili kontrolos dokumentaĵojn de diversaj granda projektoj.

Ĉefa afero estas rigardi tiujn homojn en ĝusta maniero – ili estas resurso, ne ŝarĝo.

Fonto: *baneavisen* 18/2017

Kompilis: **Jan kaj Lene Niemann**

## *ILO* - Multutilaj Motoroj

La germana entrepreno, kiu ekzistis 1911 - 1990, intence prenis la nomon *ILO* – kun la signifo esperanta. La fondinto de la entrepreno *Heinrich Christiansen* konis la esperantan vorton kaj opiniis, ke ĝi taŭgas por la entrepreno, kiu konstruis multajn diversajn ilojn. Li estis cetere unu el multaj entreprenistoj, kiuj en tiuj jaroj konis Esperanton kaj vidis bonan, praktikan uzon de ĝi.



Heinrich Christiansen

*Heinrich Christiansen* aĉetis en *Altona* en 1911 bankrotan maŝinfabrikon. Komence estis 25 kunlaborantoj. Oni produktis precipe ilojn por trako- kaj ponto-konstruo ĉe la prusaj ŝtatfervojoj. Jam du

jarojn poste la areo estis tro malgranda, kaj la entrepreno translokiĝis al *Pinneberg* nordokcidente de Hamburgo.



Heinrich Christiansen observas la uzon de siaj iloj en fervojtraka laboro

En 1918 estis evoluigata la du-takta motoro, kiu liberigis la diversajn ilojn de aliaj forto-fontoj, kaj ĝi estis la unua *ILO*-motoro.

Oni daŭrigis ankaŭ inter la du mondmilitoj kaj post la dua, sed la du-radaj *ILO*-motoroj mal-facile konkurencis kun aliaj produktoj ekz. de entreprenoj *DKW, NSU* kaj *Sachs*.

Post la dua mondmilito la juna filo *Henrich Christiansen* trans-prenis la entreprenon, kaj oni evoluigis tre taŭgajn kaj nun famajn motorojn por mopedoj kaj motorcikloj, ekz. la *ILO-Piano*-motoron, kiu tre mallaŭte bruis. 1.500 homoj laboris en la entrepreno, kiu estis la plej granda en la regiono *Pinneberg*.





Unuaksa manovrilo konstruita en la jaro 1931 en *Pinneberg*

Sed meze-fine de la 1950-aj jaroj ĉesis la intereso por du-radaj veturiloj; pli kaj pli da 'ordinaraj homoj' aĉetis aŭtomobilojn, kaj 1959 oni devis maldungi 600 homojn.

Aĉetis la entreprenon kompanio *Rockwell Manufacturing Company*. Ĝis meze de la jaro 1960 *Heinrich Christiansen* restis kiel afergvidanto, kaj post tiam la fondinta familio estis for de la entrepreno.

Oni sukcesis en *ILO* renovigi sin, kaj dum la venontaj jaroj motoroj por surneĝaj motorveturiloj kaj konkurs-aŭtetoj estis granda sukceso – ĝis fino de la jaro 1969 *ILO* produktis 283.000 motorojn.


ILO-subŝtopilo

Sed ĉio finiĝas, kaj komence de la 1970-aj jaroj la bezono je motoroj por surneĝaj veturiloj malkreskis, precipe pro konkurenco de Japanio. En 1975 *ILO* tute ĉesigis tiun produkton.
La entreprenon aĉetis kompanio *Tecumseh Products Company*, kaj denove oni ŝanĝis la produktadon al i.a. kunpremiloj – oni produktis ilin por du- kaj kvar-taktaj motoroj.




1986 *ILO* festis la 75-jaran jubileon kun optimismo, sed tamen post kelkaj jaroj oni devis ĉesi. Kelkaj klientoj bankrotis, kaj 1990 *Tecumseh* decidis fermi la fabrikon en *Pinneberg* la 31-an de Decembro.
Nun en la loka muzeo en *Pinneberg ILO* estas grava parto de la ekspozicio pri ’Entreprenoj en la regiono’.

Fontoj*Tåg*, numero 5 2017; Hejmpaĝaro *Museum Pinneberg;* Vikipedio

Kompilis: **Jan kaj Lene Niemann**

## Malantaŭ la horizonto

**Invito al GEFA-jarkunveno en *Prerow* ĉe Balta Maro**
**26-a ĝis 29-a de Oktobro 2018**


Foto: Unukorno, WikiMedia

La lumturo *„Darßer Ort“* ĉe la nordokcidenta ekstremo de la duoninsulo *Fischland-Darß-Zingst* rememorigas pri tio, ke ŝipistoj devas atente sekvi sian vojon laŭ la bordo de la Balta Maro. Hodiaŭ telekontrolata ĝi ne plu bezonas gardistojn. Ties loĝo- kaj aparatodomoj estas nun filio de la Germana Muzeo por Oceanologio kaj Fiŝkaptado kaj inkluzive la lumturan platformon ŝatata promencelo por turistoj - ankaŭ por la partoprenantoj de la GEFA-

jarkunveno, kiu gastos proksime en la „Malnova Stacidomo Prerow“. „Malnova Stacidomo“ memorigas pri la historio de la *Darß*-fervojo – vi konas ĝin jam el IF 2018.1, la pasinta eldono. La domo staras ĉe la finpunkto de unutraka fervoja linio, kiu en la momento finiĝas en *Barth* antaŭ trakfina baraĵo. Kio dum la sekvontaj monatoj pri ĝi okazos – ĉu kompleta reaktivigo aŭ ĉu kompleta eksteruzigo – tio vidiĝos.



La hotelo, la „Malnova Stacidomo Prerow“
(Foto: Stiftung BSW)

La stacidomo ĉiakaze estis ŝanĝkonstruata al beleta hotelo. Ĝi estas iom speciala, kun multaj diversaj, ne ĉiuj senŝtupare atingeblaj ĉambroj kaj kun multaj unikaĵoj.
Dum somero la plimulto de la gastoj sur la duoninsulo pasigas la tagon sur la plaĝo por ĝui akvon kaj sunon aŭ serĉi sukcenon, kio tamen ne signifas, ke postsezone la naturo ne havas interesajn ofertojn.
Apud la vilaĝo etendiĝas la nacia parko *Darß* kun 4,5 mil hektarojn granda arbaro.
La bodena ĉeno, kiu dividas la duoninsulon de la firma tero estas ripozejo por miloj da gruoj sur ilia vojo al la sudokcidenta Eŭropo. Valoras observi ilin de la ŝipo el malgranda, tamen ne ĝena distanco. La haveno, kie tiuj gruo-ekskursoj komenciĝas, situas ĉe la „*Prerow*-rivero“, fakte natura kanalo, kiu post granda ŝtorma inundo estis fermata al la libera maro.



Ne nur en printempo observebla – la gruobaledo
(Foto: Frebeck, WikiMedia)

Celoj ankaŭ troviĝas enmeze de la vilaĝo - la marista preĝejo lignotura kun ŝipminiaturoj dankdonacitaj pro savo el danĝero, aŭ la *Darß*-muzeo en impona pensiona domo memoriganta pri la malfacila vivo en pasintaj jarcentoj.

Eblas grupekskursoj same kiel individua promeno al la plaĝo por plenigi la ŝuojn per sablo aŭ serĉi la insulon *Hiddensee* malantaŭ la horizonto.



Postsezona rigardo al la orfiĝinta plaĝo
(Foto: Bodo Ehrlich)

Por sud- kaj okcidentgermanoj la vojo estas relative longa, pro kio GEFA decidis pro kompenso, ke la jarkunveno daŭru unu tagon pli ol kutime kaj lasu tempon abunde por diskuti, labori, aŭskulti prelegojn, babili kaj lingvokurse konversacii.

Ĉar *Prerow* situas 160 km for de la limo - do relative proksime - al Pollando, la invito de GEFA direktas sin ankaŭ al la polaj najbaroj (konforme al la sugestoj de IFEF atenti pri internaciigo de naciaj aranĝoj).

Mi ne forgesu mencii, ke eksterlandanoj ne pagos partoprenkotizon.
Interesatoj kontaktu GEFA rete per la adreso esperanto@bsw24.de aŭ turnu sin al la redaktoro (vd. adresaron sur paĝo 23).

**Guido Brandenburg**

